Duben — Aprilo 1904. Nro 4.

ROČNÍK II
JARO II

# ČESKÝ ESPERANTISTA

Měsíčník pro šíření pomocného jazyka mezinárodního

ORGÁN

»Rakouského spolku Esperantistů« v Brně a »Klubu Esperantistů« v Praze.

ORGANO

de »Aŭstria societo Esperantista« en Bruo kaj de »Klubo Esperantista« en Pralia.

Redaktor české části:
KRUMPHOLC JOS.

Redaktoro
de l' parto Esperanta:
ČEJKA TH.

OBSAH:
ENHAVO:



Redakcio & administracio:
BYSTŘICE-HOSTÝN
Moravio. Aŭstrio.

Roční předplatné 3 K.
Jara abono 3·50 fr.

Číslo po 40 h.
Nro po 45 cent.

Členové spolku Brněnského i klubu Pražského dostávají „Č. E.“ zdarma.

# ČESKÝ ESPERANTISTA

Monata gazeto por la propagando de Esperanto. Estas eldonata en kajeroj 16-paĝaj.

Nepresitajn manuskriptojn la redakcio redonos, se oni aldonis poŝtan markon por la resendo. — Poŝtaj markoj (kiel abonpago) estas akceptataj nur por ³/₄ de ilia valoro.

**Represo kaj eĉ traduko de ĉiuj artikoloj estas permesita, sed sub jenaj kondiĉoj: 1. Citi nian gazeton. 2. Sendi al la redakcio 3 ekz. de tiu presaĵo, en kiu troviĝas la artikolo aŭ traduko.**

Por ĉiu respondo, kiun oni deziras ricevi de la redakcio aŭ administracio, estu aldonita poŝta marko aŭ karto.

## TELEFONO DE REDAKCIO.

**Členové Brněnského klubu esp.** (kteří bydlí mimo Brno) budou dostávati Č. E. od nynějška přímo z administrace. — **Faciligo de interrilatoj kun Rusujo:** De 15. aprilo 1904 oni povas sendi monon el Rusujo aŭ Rusujon per helpo de internacia poŝta mandato. (Sur kupono krom detala propra adreso skribu tute nenion, ĉar adresato ne ricevos tiujn sciigojn.) — Al frl. **E. S.**: »Certe »-ujo« ne estas belsona elparolaĵo, ĝi ankaŭ ne estas tiel internacie komprenata kiel »-io«. Kontraŭuloj diras pri tiu sistemo, ke oni aldonas novan sufikson, aŭ ke oni donas novan signifon al sufikso jam ekzistanta, sufikso »-i«, kiu karakterizas verbojn. Ho, kia bela historio! Ĉu »ujo« ne havas ankaŭ diversajn signifojn? Ĉu ne estas facile konfuzi pomarbon kun la korbo, en kiu oni konservas pomojn, se ni diras »pomujo«?« ...tiel skribis al ni s-o **N. Wissen**, Digoin, France. — S-o **Lunin**, Kaŭkazo: Koran dankon por alsendita adreso. — S-o **V. de Vries** el Amsterdamo sciigis nin, ke Nro 2. de »Internacia Revuo de Stenografio« eliros ĝis en majo. Malfruiĝo okazis pro lia malsano. — S-o **L. C.**, **Gan.**: Ĉiuj numeroj (1—5) de »Revuo Internacia« estas ankoraŭ riceveblaj. Post ricevo de 2·50 fr. ni tuj alsendos ilin. Ankaŭ jarkolekto I. de »Čes. Esp.« estas ricevebla (3 fr. = 3 K). — S-o **L. D-n**: En Moravio ekzistas 2 organizacioj de geinstruistoj: bohema kun 4092 kaj germana kun 2900 membroj. Sciigojn pri via geinstruistaro kaj lernejoj ni bone uzus por propagandi Esp. en niaj gazetoj instruistaj. — S-o **F. Wilczin**: Ni diras kun H. Sienkiewicz: »Se in nur por momento ekpensus: Mi estas sufiĉe saĝa kaj sufiĉe bona, jam tio ĉi estus nek saĝa nek bona.« — S-o **Garrison**, Siera Nevada: Ni respondas per vortoj de W. Shakespeare: »Ni faris kiom ni povis — tio ĉi estas plej bona konsolo en malsukcesoj de vivo«. Ankaŭ pluajn leterojn viajn ni legos kun vera plezuro. Skribu nur pli ofte. — S-o **Al. Štěpán**, Zdebuz.-Kácov: Via deziro plenumiĝos post tempo ne tro longa, ĉar ambaŭ vortaroj estas jam verkataj. Sed ideo pri apartaj folioj ŝajnas aŭ vere estas praktike preskaŭ neefektivigebla. Se vi havas ion por konsili, skribu baldaŭ. — S-o **Vil. Š.**, Žil.: Ju pli multe da subteno (kiel morala tiel materiala) ni trovos, des pli kuraĝe ni paŝos antaŭen.

Daŭrigo de Telefono sur pĝ. 3.

# POTŘEBA-LI JAZYKA MEZINÁRODNÍHO?

## ĈU LINGVO INTERNACIA ESTAS BEZONA?

Výňatek z řeči *L. de Beaufronta* na kongresu spolku »Association Française pour l' Avancement des Sciences« v Paříži 1900.[1]

Otázka tato svou naivností vyvolá úsměv budoucích pokolení, zrovna tak jako naši vrstevníci zasmáli by se na příklad otázce »potřeba-li pošty?« Většině vzdělaného světa jest otázka tato již nyní zcela snad zbytečnou; přece však ji z důslednosti klademe, poněvadž jest ještě mnoho lidí, kteří k ní odpovídají záporně. Jediný důvod, jejž někteří z těchto lidí uvádějí, bývá tento: »jazyk mezinárodní zničí jazyky národní a národy.« Přiznáváme se, že jakkoli jsme si hlavu lámali, nijak nemohli jsme pochopiti, v čem zejména bylo by neštěstí pro lidstvo, kdyby jednoho krásného dne ukázalo se, že není již národů a jazyků národních, ale jediná jen všelidská rodina s jediným jazykem všelidským. Připusťme však, že by to skutečně bylo něco hrozného, a pokusme se uspokojiti tyto pány. Jazyk mezinárodní přeje si jen umožniti lidem různých národů, kteří stojí před sebou jak němí, vzájemné dorozumívání se, nikterak však nezamýšlí se vměšovati do vnitřního jich života. Báti se, že jazyk mezinárodní zničí jazyky národní, je zrovna tak směšné, jako na př. bázeň, že

Tiu ĉi demando per sia naiveco elvokos ridon ĉe la estontaj generacioj, tiel same kiel niaj samtempuloj ekridus ekzemple ĉe la demando »ĉu poŝto estas bezona«? La plimulto de la inteligenta mondo jam nun trovos tiun ĉi demandon tute superflua; tamen pro konsekvenco ni metas tiun ĉi demandon dank' al tio, ke ekzistas ankoraŭ multe da homoj, kiuj respondas je tiu ĉi demando per »ne«. La sola motivo, kiun kelkaj el tiuj ĉi homoj elmetas, estas sekvanta: »Lingvo internacia detruos la lingvojn naciajn kaj la naciojn«. Ni konfesas, ke kiom ajn ni rompis al ni la kapon, ni neniel povis kompreni, en kio nome konsistus la malfeliĉo por la homaro, se en unu bela tago montriĝus, ke ne ekzistas jam plu nacioj kaj lingvoj naciaj, sed ekzistas nur unu ĉiuhoma familio kun unu ĉiuhoma lingvo. Sed ni supozu, ke ĉi tio efektive estus io terura, kaj ni rapidas trankviligi tiujn ĉi sinjorojn. Lingvo internacia deziras nur doni al la homoj de *malsamaj* popoloj, kiuj staras unu antaŭ alia kiel mutuloj, la eblon komprenadi unu aliau, sed ĝi neniel intencas enmiksiĝi en la internan vivon de la popoloj. Timi, ke lingvo inter-

[1] Dr. L. Zamenhof: »Fundamenta Krestomatio de la lingvo Esperanto«. Paris, Hachette et Cie, Boulevard Saint-Germain, 79. 1903. — str. 274.—279.

pošta, která umožňuje lidem vzdáleným vzájemné obcování, hrozí zničiti ústní styk lidí. Jazyk mezinárodní a jazyk světový jsou dvě zcela různé věci, jichž zaměňovati nikterak nelze. Připustíme-li, že časem dojde ke sjednocení lidí v jeden národ všelidský, nebude tímto neštěstím (jak nazvou to národní šovini) vinen jazyk mezinárodní, nýbrž změna přesvědčení a mínění lidských. Tehdy skutečně pak jazyk mezinárodní usnadní dosažení toho, co dříve bude zásadně uznáno žádoucím; nezrodí-li se však snaha k sjednocení v lidech samostatně, jazyk mezinárodní sám sebou nebude zajisté chtít vnutiti lidem sjednocení takové.

Zůstavujíce zcela stranou otázku o žádoucnosti nebo nežádoucnosti národního šovinismu, zpozorujeme jen to, že proti snaze po jazyku mezinárodním nemůže býti ani ten nejzaslepenější šovinismus; neboť poměr mezi úsilím po jazyku mezinárodním a národním šovinismem jest týž, jako mezi národním vlastenectvím a láskou k rodině: může-li kdo říci, že vzrůst vzájemných styků a zájmů mezi lidmi téže země (snažení vlastenecké) ohrožuje něčím lásku k rodině? Sám sebou jazyk mezinárodní nejen nemůže oslabiti jazyků národních, ale naopak, musí zcela jistě vésti k velkému jich zmohutnění a plnému rozkvětu: pro nutnost učení se rozličným jazykům cizím dnes zřídka setkáváme se s člověkem, který by dokonale ovládal svůj jazyk mateřský, a jazyky samy stálým stykem vždy víc a více se znejasňují, mrzačí a pozbývají přirozeného svého bohatství a původnosti; když však každý z nás bude nucen naučiti se jednomu jen jazyku cizímu (k tomu ještě

nacia detruos la lingvojn naciajn, estas tiel same ridinde, kiel ekzemple timi, ke la poŝto, kiu donas al homoj malproksimaj unu de alia la eblon komunikiĝadi, minacas neniigi la buŝajn interparoladojn inter la homoj! »Lingvo internacia« kaj »lingvo tutmonda« estas du tute malsamaj objektoj, kiujn miksi inter si oni neniel devas. Se ni supozus, ke fariĝos iam kunfluiĝo de la homoj en unu ĉiuhoman popolon, en tiu ĉi »malfeliĉo« (kiel nomos ĝin la naciaj ŝovinistoj) estos kulpa ne la lingvo internacia, sed la aliiĝintaj konvinkoj kaj opinioj de la homoj. Tiam efektive la lingvo internacia faciligos al la homoj la atingon de tio, kio antaŭe estos principe decidita de ili kiel dezirinda; sed se la celado al kunfluiĝo ne naskiĝos ĉe la homoj memstare, la lingvo internacia per si mem certe ne volos altrudi al la homoj tian unuiĝon.

Lasante tute flanke la demandon pri la dezirindeco aŭ nedezirindeco de nacia ŝovinismo, ni notos nur tion, ke celadon al lingvo internacia ne devas escepti eĉ la plej varmega blinda ŝovinismo; ĉar la rilato inter celado al lingvo internacia kaj inter nacia ŝovinismo estas tia sama, kiel inter nacia patriotismo kaj amo al sia familo: ĉu iu povas diri, ke la pligrandigo de reciprokaj komunikiĝoj kaj interkonsentoj inter homoj de tiu sama lando (celado patriota) minacas per io al la amo familia? Per si mem la lingvo internacia ne sole ne povas malfortigi la lingvojn naciajn, sed kontraŭe, ĝi sendube devas konduki al ilia granda fortiĝado kaj plena ekflorado: dank' al la neceseco ellernadi diversajn fremdajn lingvojn, oni nun malofte povas renkonti homon, kiu posedus perfekte sian patran lingvon, kaj la lingvoj mem, konstante kunpuŝiĝante unuj kun la aliaj, ĉiam pli kaj pli

velmi snadnému), budeme moci naučiti se důkladně jazyku svému, a každý jazyk, osvobodiv se od útlaku mnohých sousedů a zachovav pro sebe sama všechny síly svého národa, rozvine se v brzku co nejmocněji a nejstkvěleji.

Druhý důvod, jejž nepřátelé jazyka mezinárodního staví, jest bázeň, že za jazyk mezinárodní zvolen bude snad některý z jazyků národních a že pak lidé se nesblíží, ale jednoduše některý z národů ohromnou přesilou, jíž nabude nad ostatními, zničí a pohltí všechny národy ostatní. Tento důvod není zcela bezzákladný, ale může býti uváděn pouze proti té neb oné nepromyšlené a nesprávné formě jazyka mezinárodního — pozbývá však pochopitelně všeho významu, uvážíme-li, že jazykem mezinárodním může býti a bude jen nějaký neutrální jazyk, jak dále ukážeme.

Ponecháme-li tudíž na nějaký čas stranou otázku o možnosti neb nemožnosti zavedení jazyka mezinárodního, připustíme-li však, že zavedení jazyka takového závisí jen od našeho přání, a vyloučíme-li nějaký nápadný přehmat ve volbě jazyka takového, musí každý přiznati, že o škodlivosti jazyka mezinárodního nemůže býti ni nejmenší řeči. Užitek však, kterýž by jazyk takový světu přinesl, je tak obrovský a zřejmý každému, že o tomto vlastně nebylo by třeba ani mluviti. Přece však povíme i o tom několik slov, ačkoliv jen stručně, aby úvaha naše byla úplnou.

Příště dále.

konfuziĝas, kripliĝas kaj perdas sian naturan riĉecon kaj ĉarmon; sed kiam ĉiu el ni devas ellernadi nur unu fremdan lingvon (kaj ankoraŭ tre facilan), ĉiu el ni havos la eblon ellerni sian lingvon fonde, kaj ĉiu lingvo, liberiĝinte de la premado de multaj najbaroj kaj konservinte plene por si sola ĉiujn fortojn de sia popolo, disvolviĝos baldaŭ plej potence kaj brile.

La dua motivo, kiun elmetas la malamikoj de lingvo internacia estas la timo, ke kiel lingvo internacia estos eble elektita ia el la lingvoj naciaj kaj ke tiam la homoj ne alproksimiĝos al si reciproke, sed simple ia unu popolo dispremos kaj englutos ĉiujn aliajn popolojn, dank' al la grandega superforto, kiun ĝi ricevos super ĉiuj aliaj popoloj. Tiu ĉi motivo estas ne tute senfundamenta; sed ĝi povas esti elmetita nur kontraŭ tia aŭ alia nepripensita kaj malĝusta formo de lingvo internacia. Tiu ĉi motivo komprencble perdas ĉian signifon, se ni turnos atenton, ke lingvo internacia povas esti kaj estos nur ia neŭtrala lingvo, kiel ni malsupre montros.

Sekve se ni lasos por kelka tempo flanke la demandon pri la ebleco aŭ neebleco de la enkonduko de lingvo internacia, se ni supozos, ke la enkonduko de tia lingvo dependas nur de nia deziro, kaj se ni esceptos ian kriantan erarpaŝon en la elekto de la lingvo, ĉiu devas konsenti, ke pri malutilo de lingvo internacia neniel povas esti eĉ la plej malgranda parolo. Sed la utilo, kiun tia lingvo alportus al la mondo, estas tiel grandega kaj videbla por ĉiu, ke pri tio ĉi ni propre ne bezonus paroli. Tamen kelke da vortoj ni diros pri tio ĉi, se eĉ simple pro pleneco de nia analizo.

# POMOCNÝ JAZYK MEZINÁRODNÍ.

Francouzsky napsal univers. prof. Dr. *L. Couturat* — přel. *J. F. Khun.*

## FILOSOFICKÉ JAZYKY.

Vyloučíme-li jazyky mrtvé, máme ještě dvojí rozluštění na vybranou: jazyky filosofické a umělé. Jazyky filosofické jeví se býti vtělením logiky[1] a prostředky myšlenkovými. Jméno každé věci vyjadřovalo by symbolicky (obrazně) její povahu a bylo by její definicí (výměrem, výčtem podstatných znaků), tak že by bylo lze usuzovati a takřka počítati slovy samotnými. Nemluvíme zde o moderních soustavách pasigrafických[2], ideografických[3] a logické kalkulace (uvažování a p.), jež samy sebou jsou velmi prospěšny a zajímavy (a jichž jsem sám horlivým stoupencem), ale již tím se vylučují, že jimi nelze mluviti, a že každý je nucen čísti je svým jazykem. Poukáži spíše na staré soustavy navrhované hlavně filosofy, zvláště Descartesem (čti: Dékartem) a Leibnizem. Jako filosof a zvláště po specielním (odborném) studiu Leibnizovy Logiky mám snad právo vysloviti se, že takovýchto projektů (návrhů) rozhodně provésti nelze. Vždyť spočívají na předpokladu, že všechny naše pojmy jsou homogenními (stejnorodými) a jednolitými složkami několika jen představ jednoduchých, jež tvořily by abecedu lidského myšlení.

To je klamný a velice zjednodušený výklad myšlenkového mechanismu (práce). Redukuje (uvádí) všechny úsudky na soudy a všechny věty na pouhé sloveso býti; neuznává jiných možných vztahů mezi představami a věcmi až na jediný, totiž: mezi rodem a druhem. Jazyk založený na takovémto principu (základě, zásadě) nebyl by s to vyjádřiti vztah (jenž, který atd.), ba ani pouhý genitiv (druhý pád), neboť kdybychom na př. roztřídili všechny psy dle plemen, neměli bychom definice a vhodného výrazu pro psa nějakého slepce nebo zahradníka. Z toho je viděti zřejmě, že jest a vždy bude nemožno tříditi předměty dle rodu a druhu a dle toho dávati jim jména vědecká, jako druhům zvířat a rostlin.

Mimo to dopadla by v praksi takováto nomenklatura (jmenosloví, seznam jmen) zcela libovolně, jak o tom svědčí

---

[1] Věda o zákonech správného myšlení. [2] Pasigrafie = všeobecné písmo. [3] Ideografie = pojmové písmo.

na příklad soustavy Dalgarnova a Wilkinsova, jimiž se Leibniz zanášel. Zvolily společné jméno pro rozličné bytosti téhož rodu a zaměňovaly pouze poslední slabiku na označení různých druhů.

Vizme příklad:

Nηka znamenalo by slon.
Nηkη znamenalo by kůň.
Nηke znamenalo by osel.
Nηko znamenalo by mezek.

A tak dále.[4] Ale jak rozlišovati a zapamatovati si význam těchto tak sobě podobných slov? Je to právě tak, jako by se řeklo: Zvíře číslo 1., zvíře číslo 2., číslo 3. . . . Aby se však vědělo, které číslo patří tomu kterému zvířeti, bylo by nutno stále se utíkati ke slovníku. Bylo by to Becherovým[5] číslováním slov každého jazyka, při čemž se totéž číslo dává slovům téhož významu ve všech řečích.

Tyto soustavy neuznávaly tedy zákona psychologického, požadavku to paměti: čím podobnější je smysl slov, tím více musí se lišiti tvar jejich, abychom je mohli rozeznávati a pamatovati. Rychleji si osvojíme a ne tak snadno spleteme si slova: slon, hroch, nosorožec, než: tlustokožec *A*, tlustokožec *B* a tlustokožec *C*.

Ale největší vadou těchto soustav a nejhorším pobloudzením jich původců byl by předpoklad, že jednoduché prvky našich pojmů jsou nečetny a že je tedy lze označiti dosti nepatrným počtem číslic nebo slabik k vůli snadnému zapamatování. Abychom tento klam rozptýlili, stačí, řekneme-li, že logická analyse (rozbor) mathematických pojmů sama vyžaduje asi sta rozličných symbolů, jichž nelze navzájem na se převésti.[6] Víme, jak dlouhé a složité jsou názvy v ústrojné lučbě, právě proto, že nejsou jednoduchými jmény (jako na př. kyselina šťavelová), nýbrž činí nárok býti definicemi a podávati formule jmenovaných látek. Považme jen, jak velkého počtu znaků bylo by třeba na označení některého nejjednoduššího pokrmu, neboť jméno jeho muselo by nejen vypočítávati všechny

---

[4] Dalgarno, Ars signorum, vulgo Charakter universalis et lingua philosophica. (1661).

[5] Character pro notitia linguarum universali. (1661).

[6] Peano, Formulaire de Mathematiques (1901), str. VII. a 213. A slovník mathematický obsahuje 17.000 slov!

součástky, nýbrž i naznačiti složení a způsob výroby. Trneme při pomyšlení na délku slov, jež mají ideograficky znamenati: chléb, víno, kaviar nebo nákyp. Byla by to ideografie právě tak zmotaná jako písmo čínské; nemohly by se jí tedy myšlenky vyjadřovati ústně, čímž neučinilo by se zadost jedné z hlavních podmínek jazyka mezinárodního.[7]

Konečně, logická analyse všech našich představ daleko není ještě provedena, aniž bezpochyby kdy bude. Na štěstí není jí třeba ku porozumění nejen slovům, nýbrž i nejspletitějším pojmům. Kromě toho vadila by myšlení, byla-li by nutnou podmínkou výrazu. Neboť je-li každé slovo skutečnou definicí pojmu, museli bychom tento výměr stále míti v mysli pohotově, kdykoli bychom slova užili. Nemohli bychom však vůbec nikdy vyjádřiti věty, kdybychom každý její člen měli v duchu nahraditi jeho definicí. Přemýšlení jest jen tehdy možno, jak sám Leibniz poznamenal, děje-li se psittacismem nebo-li symbolickým myšlením, jak říkal. Této nevyhnutelné formě myšlení při každém kroku vadila by však ideografie, jež vyžaduje ustavičného pozoru na přesný a vhodný smysl každého slova.

Celkem tedy nelze za nynějšího stavu věd filosofického jazyka uskutečniti, a kdyby se i uskutečnil, nemohli by ho ani učenci užívati, poněvadž odporuje účelu každého jazyka a každého symbolismu a myšlenku by ochromoval, místo aby jí pomáhal.

## PRAKTIKA KOMUNISMO.

De Dro *Cl. Heiss*, Berlino.

Fritjof Nansen, la granda esploristo de l' polusaj regionoj, dediĉis sian plej lastan verkon »Vivo de Eskimoj« al la interesa popoleto de Eskimo. Per tiu laboro li vere konstruis monumenton por ilia memoro. En antaŭparolo li diras: »Mi loĝis en iliaj dometoj, partoprenis en ilia laboro kaj provis laŭ ebleco alkutimiĝi al ilia vivado kaj lingvo . . . . Sed ĉiufojon kiam mi vidis unu

[7] Nebo by musela každá věc (jak Leibniz tušil) míti dvě jména: jedno vědecké, druhé obecné; tím by se jazyk, jehož vady jsme ukázali, zdvojnásobil.

el tiuj homoj en la mizerego, je kiu ni estas kulpaj, vekiĝis en mi la restaĵo de justemeco, kiun plej multaj el ni ja ankoraŭ posedas, kaj mi estis plena de varmega deziro laŭte krii en la mondon la veron. Se ni nur scius ĉe ni pri tiu krimo farita de ni, ĉiuj ja devus maldormiĝi el tiu indiferenteco kaj provi rebonigi tion, kion ni faris.«

Malriĉa estas lando, sur kiu loĝas tiu popoleto havanta tiel altan kulturon, kaj civilizacio rabas tiun landon malriĉan je oro kaj verdaj arbaroj, nudan, malproksiman, ne similantan al ia ajn de homoj loĝata lando. Kaj tamen ĝi estas bela en ĝia malriĉeco. Ĉi naturo, forta kaj sovaĝa, similas al grize maljuna fabelo, figurita el glacio kaj neĝo, kiu iafoje montras tiel etajn pentraĵojn kiel penso de versaĵo. Ĝi similas al malvarma stalo, rebrilanta ĉiujn kolorojn de l' sunradioj. Ĉio estas simpla tie kaj tamen ĝi faras egan impreson. Blanka neĝo, blua glacio, nudaj, mallumaj montoj, kiuj similas al nigraj kegloj, per ventego pelata brueganta maro. Nenio sur tero estas komparebla al grenlanda nokta ĉiellumo, ĝi ŝajnas esti la mistera spiro de l' naturo mem.

Pli multe ol ĉia alia popolo la Eskimoj apartenas al maro kaj marbordo. Sur maro ili loĝas, sur ĝi ili serĉas sian nutraĵon; maro donas al ili ĉion, kion ili bezonas, sur ĝi ili faras ĉiujn vojaĝojn, somere en felokovritaj boatoj, vintre en glitveturiloj tirataj de hundoj. Animo de Eskimo estas figuraĵo de l' maro. Kiel maro ŝanĝema estas lia humoro, serioza dum ventego, petole gaja dum sunobrilo kaj kvieta maro. Li estas infano de l' maro, malpensema, gaja kiel ludantaj ondoj, sed ofte ankaŭ malluma kiel ŝaŭmanta akvaĵo. En lia infana animo ĉio rapide ŝanĝiĝas.

Neniam ili insultas, eĉ tute mankas en ilia lingvo tiu ĉe ni tiel riĉa klaso da vortoj. Grenlandano estas plej morala homo el ĉiuj, kiuj estis kreitaj. Bonanimeco kaj pacamo estas ĉefaj trajtoj de lia karaktero. Kun ĉiuj homoj li volas esti ĉiam en plej bona harmonio kaj eĉ ne pensas je tio, ofendi iun aŭ eble esti malĝentila kontraŭ iu. Li ne volonte kontraŭdiras, eĉ tiam ne, se iu rakontas al li pri io, kion li scias alie. Ĉiun kontraŭan opinion li vestigas per plej kvietaj vortoj, tre malfacile estus por li rekte diri al iu, ke li aŭdis malveron de li. Ankaŭ veron li ne diras volonte al iu, kiam li pensas, ke ĝi povus esti malagrabla por la aŭdanto. En tia okazo li preferas nedifi-

nitajn esprimojn, eĉ tiam, kiam estas parolata nur pri sensignifaĵo kiel ekzemple pri vetero.

Plej rimarkinda kaj bela eco, kiu karakterizas lin, estas lia honesteco. Jam unu el plej unuaj misiistoj, Egede, diras: »Ili kaŝas sian propraĵon antaŭ neniu, ili ne timas, ke iu povus ŝteli ion. Tiu malvirto estas tiel abomena al ili, ke ia knabino, kiu ŝtelis, pro tio perdis eblon je bona edziĝo.« Se tamen fariĝis tiu malofta okazo, ke iu ŝtelis ion apartenantan al Eskimo, li pro pacamo ne repostulas ĝin, kvankam li konas la ŝteliston. — »Kiu petas, al tiu donu, kaj kiu prenis la vian, de tiu ne repostulu ĝin.« (Ev. Luk. 6, 30).

Lia animo estas gaja kiel tiu de infano. Ĉiun doloron li sentas en unua momento tre forte, sed baldaŭ li forgesas ĝin kaj estas ree brile gaja kaj tiel kontentega kun sia sorto kiel ordinare. Li fidele obeas la vorton de biblio: »Ne zorgu por tago venonta« kaj: »Rigardu la birdojn de ĉielo, ili ne semas, ne rikoltas en provizejojn kaj ĉiela patro ilin tamen satigas.«

Sole tio povas malgajigi lin, se li devas vidi mizeron de aliaj kaj tial li dividas tiel longe, kiel li mem ankoraŭ havas ion. Precipe ili ne povas vidi malsati la infanojn, »kaj tial«, diras Dalager, »ili donas al infanoj ĉion, eĉ kiam ili mem pro malsato preskaŭ pereas.«

Kiel ĉiuj ĉasantaj popoloj, ili ne havas tro multe da persona propraĵo. Plej multaj objektoj apartenas al ĉiuj komune kaj laŭ uzebleco de objektoj ili apartenas al pli granda aŭ malgranda aro da homoj. Eksklusivaj[1] propraĵoj estas »kaijak« (boato por fiŝkaptado), kaijak-vestaĵo kaj kaptiloj, kiuj apartenas sole al unu persono kaj kiujn ne tuŝas aliaj, ĉar ili estas solaj rimedoj, per kiuj Eskimo povas nutrigi sian familion; tial li devas esti certa, trovi ilin sur sama loko, kien li estis metinta ĉion. Malofte ili estas forpruntataj.

Post iloj kaj vestaĵoj por kaptado venas ankoraŭ kiel persona posedaĵo iloj por laboroj faritaj en la domo: tranĉiloj, hakiloj, segilo, felgratilo ktp., fine la kudrilaro de virinoj.

Aliaj laboriloj apartenas al tuta familio aŭ loĝantaro de unu domo komune. Boato por virinoj kaj tendo apar-

[1] Eksklusiva = výhradný, výlučný.

tenas al dommastro, domo al tuta familio kaj se loĝas pli multaj en ĝi, al ĉiuj komune. Daŭrigo venos.

# TVORBA SLOV V ESPERANTĚ PŘÍPONAMI.

Píše *Josef Krumpholc*.

(Pokračování.)

**-eg** jest ruské *jaga*, polské *enga*, na př. ve slově dvornjaga velký pes hlídací, koljaga kůl, silná tyč a p. Značí zvětšení, stupňování. Příklady. *Haro* vlas, *harego* štětina; *ungo* nehet, *ungego* dráp, pazour, spár; *ringo* prsten, *ringego* obruč; *ŝtono* kámen, *ŝtonego* balvan; *pordo* dveře, *pordego* vrata; *pafilo* puška, *pafilego* dělo; *kuseno* poduška, *kusenego* duchna; *ponardo* dýka, *ponardego* kopí; *arbaro* les, *arbarego* hvozd; *bastono* hůl, *bastonego* kyj; *ŝnuro* provaz, *ŝnurego* lano; *varma* teplý, *varmega* horký; *granda* veliký, *grandega* obrovský; *ridi* smáti se, *ridegi* chechtati se; *krii* křičeti, *kriegi* řváti, hulákati atd.

**-et** (z vlaštiny a franc.) značí zmenšení, zdrobnění, zeslabení: *Lago* jezero, *lageto* rybník; *rivero* řeka, *rivereto* potok; *urbo* město, *urbeto* městys; *arbaro* les, *arbareto* háj; *dormi* spáti, *dormeti* dřímati; *ridi* smáti se, *rideti* usmívati se; *fali* padati, *faleti* klopýtati; *bruli* hořeti, *bruleti* doutnati; *plori* plakati, *ploreti* štkáti atd.

**-ej** obdobné našemu -isko, -iště ve slovech pastvisko, pastviště — *paŝtejo*, zemačisko (brambořiště) — *terpomejo* atd. Značí místo pro něco, stanovisko, dějiště: *Laborejo* pracovna, dílna; *lernejo* škola, *oficejo* úřadovna, *atendejo* čekárna, *enirejo* vchod, *elirejo* východ, východiště, *ludejo* hřiště, *herbejo* louka, *grenejo* sýpka, *razejo* holírna, *bestejo* zvěřinec, *pafejo* střelnice (střílna) atd.

**-uj** (z ital. ojo) tolik jako schránka, držiště, nosič: *monujo* peněženka, *leterujo* schránka na dopisy, *kraĉaĵujo* plivátko, *piprujo* pepřenka, *sukerujo* cukřenka, *alumetujo* sirečník, *ovujo* vaječník, *tolaĵujo* prádelník, *vestaĵujo* šatník, *pomujo*[1] jabloň (nosí jablka), *pirujo* hrušeň, *olivujo* oliva, *ĉerizujo* třešeň atd.

**-em** (připomíná franc. aimer) značí náchylnost, zvyklost, sklonnost k něčemu: *ridema* smavý, *plorema*

[1] Místo pomujo, pirujo, olivujo, ĉerizujo atd. je lépe užívati pomarbo, pirarbo, olivarbo ĉerizarbo atd. Tak nevzniknou dvojsmysly.

plačtivý, *timema* bázlivý, *purema* čistotný, *puremeco* čistotnost, *hontema* stydlivý, *laborema* pracovitý, *mensogema* lhavý atd.

**-er** značí jednotlivou částku celku hromadného: *neĝo* sníh, *neĝero* vločka sněhu; *pajlo* sláma, *pajlero* stéblo (slamina); *fajro* oheň, *fajrero* jiskra; *karbo* uhlí, *karbero* uhel; *herbo* tráva, *herbero* travina; *ligno* dřevo, *lignero* tříska atd.

**-estr** odpovídá našemu mistr, franc. maîstre, ital. maestro, něm. Meister, švédskému mästare a označuje představeného, náčelníka: *vilaĝestro* starosta, *urbestro* měšťanosta (starosta města), *klubestro* předseda spolku, *ŝipestro* kapitán, *lernejestro* správce školy, *imperiestro* císař atd.

**-id** (z řečtiny) znamená mládě (dítě, potomka): *cervo* jelen, *cervido* kolouch; *ĉevalido* hříbě, *katido* kotě, *hundido* štěně, *bovido* tele, *porkido* sele (podsvinče), *anserido* house atd.

## Z FRASEOLOGIE.

| | |
|---|---|
| Posmívati se něčemu, čeho neznáme, je stydno (hanba), pane! | Moki ion, eĉ ne konatiĝinte kun tio, estas honte, sinjoro! |
| Umíš-li již zpaměti celý úkol? | Ĉu vi jam scias parkere la tutan lecionon? |
| Ne, ještě jsem se mu nezačal učiti. | Ne, mi ankoraŭ ne komencis lerni ĝin. |
| Proč jste se tak zpozdil? | Kial vi tiel malfruiĝis? |
| Musil jsem před odchodem dokončiti svou práci. | Mi devis fini mian laboron antaŭ mia foriro. |
| Budete-li moci přijíti přesně v devět hodin ráno? | Ĉu estos eble al vi, veni precize je naŭa horo matene? |
| Nemohu slíbiti najisto, poněvadž neočekávané práce mohou změniti mé úmysly (plány). | Mi ne povas doni firman promeson, ĉar neatenditaj laboroj povas ŝanĝi miajn planojn. |
| Na začátku přednášky. | En la komenco de parolado. |
| O čem jste rozmlouvali? | Pri kio vi interparolis? |
| Východ, západ slunce. | La leviĝo, la kuŝiĝo de l'suno. |
| Výčitky svědomí. | Riproĉoj de l' konscienco. |
| Zůstal jsem tam tři neděle. | Mi restis tie tri semajnojn. |

# TEKNIKA ANGULETO.

Sub redakcio de *Ed. Kühnl*, Praha, Lazarská 1719. (Bohemujo).

## GRANDEGA FOTOGRAFAĴO.

Fotografarto de lastaj tempoj tiel rapide progresanta kaj vidiganta ĉiujare novajn mirindajn sukcesojn, ĉu sur kampo de mikrofotografio kaj cinematografio, ĉu sur tiu de roentgenografio kaj kolora fotografio, montros al mondo dum estonta ekspozicio de St. Louis eĉ plej grandan figuraĵon fotografe faritan. Miniaturan kopion de tiu eminenta laboraĵo ni alportas hodiaŭ kune kun cito de apartaj antaŭlaboroj kaj operacioj.




Grandega fotografaĵo en ekspozicio.

Sur unupeca papero estas figurita panoramo de golfo de Napoli[1]; kiel vidpunkto estis elektita »Kastelo St. Martin«, de kie malfermiĝas plej bela rigardo sur urbon, maron kaj monton Vesuvion.

Por doni plej eblan larĝecon al figuraĵo, oni fotografis tuton sur 6 platojn (21×27 *cm*) tiel, ke unu precize limu kun alia, kaj el tiuj kliŝoj oni pligrandigis rekte figurojn projektante ilin laŭvice sur paperon bromurarĝentan N. P. G. III.[2] (1·5×12 metroj).

---

[1] Vlašský název pro Neapol.

[2] N. P. G. = Neue Photographische Gesellschaft, Berlin. (Nova fotografa societo en Berlino).

Kunmeto de projektataj kliŝoj — plej granda malfacilaĵo — estis solvita tiel bone, ke eĉ specialisto ne rekonas, kie vitroplatoj limis. Laŭ ilia diafaneco[3] kaj denseco estis necese elekti eĉ malsaman daŭron de lumigo (inter $^1/_2$ kaj $1^1/_4$ de horo).


Aperigado de fotografaĵo.

Por povi aperigi unupecan zonon, estis necese konstrui trabaĵon kun granda ligna rado je 4 metra radio, sur kies 90 horizontalajn vergojn oni volvis senteman paperon kun figuraĵo ankoraŭ nevidebla.

Poste estis uzitaj 3 grandaj boatformaj kuvoj enhavantaj po 2 $m^3$ da aperigilo, acido aceta glacia, kaj solvaĵo de karbonato sodia; ĉiu el tiuj kuvoj estis metita sur relojn 16 *m* longajn, ĉar per veturebligo de kuvoj estis atingita rapida elŝanĝebleco de rivelbanoj. Kvara — plej granda boato — enhavis 13 $m^3$ da akvo por fina lavo de aperigita figuro. Pro grandaj dimensioj de trabaĵo oni ne povis labori en ia ĉambro, sed operacio devis fariĝi sub ĉielo dum nokto. Lumigita papero estis streĉita sur radon, ĉiam ankoraŭ sub nigra kovrilo; poste oni mallevis radon tiel, ke ĝia malsupra parto ĉe turnigado trempiĝadis en aperigilo. Per spongoj malsekigitaj per akcelilo oni samtempe helpis pli rapidan aperiĝon de lumpartoj, dume per solvaĵo de acido aceta estis moderigata tro rapida rivelado de partoj pli mallumaj.

Kiel aperigilo estis uzita ferosa oksalato.

Kiam oni haltigis riveladon per surŝprucata moderigilo, oni elmetis paperon per altigo de rado kaj trempis ĝin post 20 minuta klariganta manipulacio en fiksilon, kie ĝi restis $^3/_4$ da horo. Post denova lavo estis fiksita figuraĵo elprenita kaj trempita en suprenomitan kuvon, kie ĝi restis dum senĉesa trafluado de freŝa akvo dum 8 horoj. Entuta bezono de akvo estis 300 $m^3$. Pluajn 10 horojn daŭris sekigo de papero. Estu rimarkita, ke aparta retuŝo de pozitivo por bonigi mankojn en lumigo estis plej malgranda kaj krom tio ke berlina societo faris pli multajn figuraĵojn por celoj reklamaj.

FRANTIŠEK VYMAZAL:

Kdy bude lépe? Až budou lidé rozumnější.

Kiam estos pli bone? Ĝis homoj estos pli prudentaj.

[3] Diafana = průsvitný.

SOKRATES:

Ať zahyne památka toho, který poprvé opovážil se tvrditi, že jest rozdíl mezi tím, co spravedlivé a tím, co užitečné.

Pereu rememoro je tiu, kiu unuan fojon kuraĝiĝis certigi, ke estas diferenco inter tio, kio estas justa, kaj tio, kio estas utila.

Trad. *Julie Šidlo.*

*Láska k vlasti zřizuje hranečníky, láska k bližnímu je strhuje.*

Marie Ebner-Eschenbach.

*La amo al patrujo starigas limŝtonojn, la amo al la proksimulo renversas ilin.*

Trad. N. B.

# KRONIKO.

Sub redakcio de *J. Grňa*, Lipová-Dřevohostice. Moravio.

**Čechy. Morava.** *Esperantský kroužek ženského klubu v »Náprstkově Museu«* (Praha-I, Betlémské náměstí, »U Halánků«). Klub esperantistů v Praze vyvíjí značnou činnost, zvláště jeho jednatel pan Kühnl, jenž stále víc a více šíří známost o Esper. 19. III. 1904 přednášel o Esper. v dámském klubu v *Náprstkově museu* s patrným úspěchem. Po přednášce uspořádána byla v čítárně Náprstkova musea výstavka esp. knih, časopisů, dopisů a dopisnic. — Idea řeči mezinárod. líbila se všem přítomným tak, že samy žádaly si kursů esper., a mnohé z nich hned koupily si učebnice. Přání jejich ochotně vyhověl p. Kühnl uspořádav kurs, jehož pilně účastní se přes 20 posluchaček. Po několika prvých cvičeních utvořily dámy, přející si dopisovati v Esperantu, »Dámský odbor klubu esperantistů v Praze.« (Adressa: Praha I, Betlémské náměstí, Náprstkovo museum). — Zprávy o přednášce a kursu uveřejnily »*Národní Listy*« a »Politik«, které vždy odmítavě chovaly se k Esperantu, nechtějíce uveřejňovati zpráv o něm. (K. H. B.) — 5. číslo časopisu »*Kramerius*« (vychází v Rokycanech redakcí a nákladem K. Horkého) přineslo

**Bohemujo. Moravio.** *Esperantista rondeto de virina klubo en »Náprstkoro Museum«* (Praha-I, Betlémské náměstí, »U Halánků«). Esperantista klubo en Praha elvolvas grandan aktivecon, precipe ĝia sekretario s-o Kühnl, kiu pli kaj pli energie laboras por disvastigi Esperanton. 19. III. 1904 li faris paroladon priE. en virina klubo en »*Náprstkoro Museum*« kun granda sukceso. Post tiu parolado estis aranĝita en legejo de »N. M«. ekspozicio de esper. libroj, gazetoj, poŝtkartoj kaj leteroj. Ideo de Esper. tiel plaĉis al ĉeestantinoj, ke ili mem petis pri ĉiusemajnaj kursoj kaj multaj el ili tuj aĉetis lernolibrojn. S-o Kühnl volonte plenumis tiun ĉi peton kaj faras kurson, kiun sekvas pli ol 20 diligentaj lernantinoj. Post unuaj ekzercoj grupiĝis sinjorinoj kaj fraŭlinoj dezirantaj korespondadi per Esp. kaj fondis »Virinan filion de Esperantista klubo en Praha« (Adreso: Praha-I, Betlémské náměstí, Náprstkovo Museum). — Sciigoj pri parolado kaj kurso publikigis ĉiutagaj gazetoj »*Národní Listy*« kaj »Politik«, kiuj ĉiam rifuzadis publikigi sciigojn de esper-

článek o Esper. od slečny Julie Šídlové. — Doporučujeme vřele »Krameria« každému myslícímu čtenáři.

**Francie.** Pan *F. Lallemant* z Dijonu oznamuje nám: 14. III. 1904 dlel v Dijonu návštěvou Angličan pan Bolingbroke Mudie, redaktor časopisu »The Esperantist«. Členové zdejšího spolku esp. rozmlouvali s ním po celý den jedině pomocí Esp. Milý náš host vyprávěl nám mnoho o hnutí esp. v Anglii. Jeho zprávy humorem kořeněné velmi nás zajímaly. Odpoledne většina nás setkala se s ním opět v pohostinném domě u p. p. Bastoul, kde dle přání paní, místopředsedkyně našeho spolku a velmi horlivé šiřitelky Esp., pan Mudie přednesl do grafofonu dvě esp. básně, které vždy budou nám milou upomínkou na jeho návštěvu. Večer téhož dne navštívil p. Mudie esp. kurs konaný p. prof. Lambertem v jednom ze sálů universitních a vybídnut p. prof., měl k posluchačstvu krátkou promluvu o Esp. (přít. bylo as 200). I největší skeptikové (pochybovači) přesvědčili se tím způsobem o praktičnosti Esperanta. — Časopis franc. lékařů »*Archives Générales d' Hydrologie, de Climatologie et de Physicothérapie*« přináší v každém čísle rubriku esp. Čís. 1. (1904) obsahuje článek »Por niaj filoj, kiam ili estos dek-ok jaraj« (Našim 18letým synům) z péra prof. A. Fourniera, člena medicinské akademie.

**Bulharsko.** Zvláštní přípravný výbor pracuje o utvoření »Bulharské společnosti pro šíření Esperanta«.

**Německo.** Pan *F. Schuck* z Brunšviku, Thomaestrasse, 16, oznamuje nám, že v městě tomto založen byl spolek esperantistů přičiněním p. *Wallona*, nynějšího předsedy spolku. Spolek

antistoj. (K. H. B.) — Nro 5. de boh. gazeto »*Kramerius*« enhavis artikolon pri E. de frl. Julie Šídlo.

**Francujo.** S-o *F. Lallemant* el Dijon sciigis al ni jenon: 14. III. 1904 Diĵona grupo estis vizitita de angla samideano s-o Bolingbroke Mudie, redaktoro de »The Esperantist«. Tutan tagon sola interkomprenigilo estis por ni Esperanto. Nia gasto raportis al ni pri esper. movado en Anglujo. Nin multe interesis liaj sciigoj spicataj de bonhumoraj spritaĵoj kaj tiel nete elparolitaj, ke nenia vorto preterflugis orelojn de iu. Posttagmeze plimulto el ni denove renkontiĝis en gastema domo de ges-oj Bastoul. Tie, laŭ peto de mastrino, vicprezidantino de nia grupo kaj unu el plej fervoraj kaj sindonaj esperantistinoj, s-o Mudie deklamis por grafofono du esper. poemojn, kiuj restos kiel ŝantindaj memoraĵoj de lia vizito. Vespere, en universitato, dum esper. kurso de prof. Lambert, s-o Mudie subite eniris amfiteatron kaj invitita de s-o profesoro, li senprepare faris ĝentilan paroladeton, kiu miregigis tutan aŭdantaron (ĉirkaŭ 200 personoj). Plej skeptikaj fariĝis de nun forte konvinkitaj pri praktikeco de Esp. — Medicina revuo »*Archives Générales d' Hydrologie, Climatologie et de Physicothérapie*« enhavas en ĉiu Nro esp. rubrikon. En Nro 1. (1904) troviĝas artikolo »Por niaj filoj, kiam ili estos dek-ok jaraj« de prof. A. Fournier, membro de medicina akademio. — **Bulgarujo.** Ĉi tie formiĝas »Bulgara societo por propagando de Esperanto«. Por tio klopodas speciala komitato. — **Germanujo.** S-o *F. Schuck*, Braunschweig, Thomaestrasse, 16. sciigis nin pri fondo de esp. grupo en tiu urbo post longaj klopodoj de s-o *Wallon*, nuna estro de tiu grupo. Grupo enhavas ĉirkaŭ 20 membroj kaj

má nyní as 20 členů a možno doufati, že počet tento se brzy zdvojnásobí i ztrojnásobí. — Pan L. E. Meier (vydavatel učebnice esp.) v Mnichově 5, Rumfordstr. 25., vydal 1. číslo nového časopisu »Munĥena Esperantisto«, měsíční zprávy pro esperantisty. Z 1. čísla dovídáme se o založení spolku Esp. v Mnichově a o šíření Esp. v jižním Německu. — Kromě toho vyšly dvě propagační brožury v jazyku německém: »*Über den neuesten Versuch einer internationalen Verständigungssprache*« (Nejnovější pokus mezinárodní dorozumívací řeči). Je to přednáška prof. Otty Simona, konaná v Uh. Hradišti; pak »*Die Weltsprache*« (Světová řeč) od Dra W. Ostwalda, professora chemie na universitě v Lipsku; tuto vyvydala »Delegace pro zavedení pomocné řeči mezinárodní«. Obě brožury vřele doporučujeme svým přátelům.

**Švýcarsko.** Časopisu »Svisa Espero«, který vychází nyní v Esperantě, v jazyce německém a francouzském, děkujeme následující zprávy: Výtečné dílo, jež napsali L. Couturat a L. Leau, »Histoire de la Langue Universelle« (Historie jazyka mezinárodního) překládá do němčiny p. H. Fried. — V září 1904 konati se bude *v Ženevě mezinárodní kongres filosofický* za předsednictví p. prof. Arnošta Naville, čestného předsedy »Švýcarské společnosti esp.«. Francouzský delegát pan Couturat, spisovatel díla »Histoire de la Langue Universelle« přednese zprávu o »Pomocné řeči mezinárodní«. — Pan Mallet, předseda spolku esp. v Ženevě, před našel v *zeměpisné společnosti Ženevské* o Esperantu; zvláště poukazoval na úkoly »Delegace pro zavedení pomocné řeči mezinárodní«.

dank' al senĉesaj klopodoj oni esperas baldaŭ duobligi eĉ triobligi ĉi tiun nombron. — S-o *L. E. Meier* (eldoninto de esp. lernolibro por Germanoj), München 5, Rumfordstr. 25. eldonis 1. Nron de nova organo »Munĥena Esperantisto«, ĉiumonataj sciigoj por esperantistoj. El ricevita Nro ni sciiĝas pri fondo de esp. grupo en München kaj pri klopodoj de niaj amikoj vastigi E. en suda Germanujo. — Krom tio eliris en lingvo germana du propagandaj broŝuroj: »*Über den neuesten Versuch einer internationalen Verständigungssprache*« (Plej nova provo de internacia helpa lingvo). Ĝi estas parolado farita de prof. Otto Simon en Ung.-Hradisch (Moravio). Dua broŝuro estas: »*Die Weltsprache*« (Tutmonda lingvo) de Dro W. Ostwald, prof. de ĥemio en universitato de Leipzig; broŝuro estas eldonita de »Delegacio por elekto de helpa lingvo internacia«. — Ambaŭ broŝurojn ni povas bone rekomendi al niaj amikoj. — **Svisujo.** Al »*Svisa Espero*«, kiu eliras nun *presita* en lingvoj Esperanto, germana kaj franca, ni ŝuldas jenajn sciigojn: Bonegan verkon de L. Couturat kaj L. Leau »Histoire de la Langue Universelle« tradukas en lingvon germanan s-o H. Fried. – En septembro 1904 okazos en Genevo internacia kongreso de filozofio. Ĝi estos prezidata de prof. Ernest Naville, honora prezidanto de S. E. S. Unu el francaj delegitoj, s-o Couturat, verkinto de »Histoire de la Langue Universelle«, prezentos tie raporton pri »Helpa lingvo internacia«. — *Geografia societo en Genevo.* S-o Malet, prezidanto de esp. grupo en Genevo faris en geografia societo en Genevo interesan paroladon, kie li speciale insistis pri rolo, kiun devas ludi »Delegacio por elekto de helpa lingvo internacia.«

# ORGANIZACIO DE KORESPONDADO (O. K.).

*Klarigo de signoj: D = donas. Dez = deziras. K = kolektas. L = legas (en lingvoj . . .). P = parolas. R = respondas. S = skribas.*

Unu anonco por ĉiu abonanto de »Č. E.« estas tute senpaga.

**60. Bohemujo. (Aŭstrio).** PRAHA-SMÍCHOV, 933, U Santošky. *Bouška Hynek*, teknikisto. *LSP:* boh., Esper. *LS:* fr., germ. *L:* lat., rus. *Dez:* Sciigoj pri esperantista movado kaj progresado de Esp., por ke mi havu sufiĉan pruvan materialon por sukcesa propagandado de Esp. kaj por provi utilecon kaj praktikecon de Esp., Dankeme mi ricevos sciigojn pri sciencaj, literaturaj kaj artaj novaĵoj (por publikigi ilin). *D:* Laŭ ebleco pri ĉio; mi tre volonte donos sciigojn pri rilatoj kaj okazintaĵoj en mia lando (eĉ por presigi tradukon en alilandaj gazetoj.) — Mi estus dankema por ĉiaj atentigoj je alilandaj gazetaj artikoloj pri Bohemujo kaj je tradukaĵoj (eĉ malnovaj) el bohema literaturo.

**61. Germanujo.** BRAUNSCHWEIG, Thomaestrasse 16. III. — *Fritz Schuck*, komercisto. *LSP:* germ., franc., angl., sved., Esper. *L:* ital., hispan., dan. *Dez*: Korespondi pri lingvo internacia pro ellaborado de vortaro por muelista industrio. *D*: Sciigojn pri muelista industrio kaj pri komerco. * 1879.

**62. Bohemujo. (Aŭstrio).** PRAHA - VINOHRADY, Hálkova ul. 78. — *Richard Blumauer*, studento de filozofio. *LSP*: boh., germ. *LS*: ital., rus., pol., Esper., angl., franc. *Dez*: Korespondi pri matematiko, fiziko, ĥemio, elektrotekniko, sporto. *R*: En ĉiuj supre nomitaj lingvoj. * 1882.

**63. Holando.** KAMPEN. — *C. A. J. van der Linden*, leerling Hoofdcursus tot opleiding voor officier. *LSP:* hol., franc., angl., germ., Esper. *Dez*: Korespondi pri popolmoroj kun ĉiuj. *D*: Sciigojn pri popolmoroj holandaj. *R*: Per leteroj aŭ poŝtkartoj.

**64 Holando.** KAMPEN. — *W. Marinissen*, leerling Hoofdcursus tot opleiding voor officier. *LSP*: hol., franc., angl., germ., Esp. *Dez*: Multe korespondadi. *R*: Per poŝtaj kartoj, laŭ deziro ilustritaj.

**65. Holando.** KAMPEN. — *W. F. J. van Lakerveld*, leerling Hoofdcursus tot opleiding voor officier. *LSP*: hol., franc., angl., germ., Esper. *LS*: ital. *Dez*: Korespondi pri diversaj aferoj, ricevas kaj sendas volonte poŝtkart. ilustr.

**66. Moravio. (Aŭstrio).** PŘEROV, Hospodářská škola. — *J. Hába*, studento en pli alta agronomia lernejo. *LSP*: bohem. *LS*: germ., Esper. *Dez*: Sciigojn pri esper. movado, pri agronomio, pri ĥemio kaj botaniko. *K*: Poŝtaj kartoj ilustritaj kaj sekigitaj kreskaĵoj. *R*: Per leteroj kaj poŝtkart. ilustr. nur en Esperanto.

**Ĵus en tiu tempo, kiam ni jam atendis, ke venos 4. Nro, ni ricevis el presejo sciigon, ke oni ne povis presi pro subita rebonigo de vapormaŝino, kiu movas ĉiujn maŝinojn en presejo. — Ni do esperas ricevi pardonon, ĉar ni estas neniel kulpaj je malfruiĝo. Redakcio.**

Redaktor: Krumpholc Jos. — Vydavatel: Čejka Th.
Tiskem »Družstva knihtiskárny«, Hranice.

S-o **Vl. Vis.**, Turkestano: Vi do bone vidas, ke ni estas volonte obeemaj al bonaj kaj sincere opiniitaj konsiloj. Ni estos dankaj ankaŭ por konsiloj pluaj. Resendita kajero venis bone, sed en kia stato? Ĝi estas por ni kiel perdita. Se vi ricevos estonte superfluan kajeron, uzu ĝin por propag. — S-o **J. T-ý**, Dönis: Laŭ via deziro kaj konsilo ni kaj kun ni ankoraŭ aliaj skribis tuj al »Magyarország és a Nagyvilág«, sed ĝis nun ni ricevis tute nenion. Tial ni ne publikas. En tiu ĉi okazo vi certe konsentas kun ni? — Духоборецъ (**Duĥoborec**). Ni estas petataj sciigi adreson de iu D u ĥ o b o r e c-E s p e r a n t i s t o. Ni ne scias tian adreson. Ĉu povus helpi al ni iu el niaj legantoj? — **„El Diario“** ricevita (de kiu?). Sed kiel kompreni ĝin. — Al **demandantoj**: »Tutmonda jarlibro esperantista« elirados ĉ i u j a r e kaj enhavos ankaŭ a d r e s a r o n d e n o v a j e s p e r a n t i s t o j, de Dro Z a m e n h o f. Enskribo estas t u t e s e n p a g a. Adresoj de novaj esperantistoj (por nomita adresaro) povas esti sendataj al nia redakcio. — Al **niaj abonantoj**: Kies adreso (sur adresfolio) estas skribata ne tute senerare, volu nin sciigi pri tio kaj skribi sian adreson per p r e s l i t e r o j, por ke ni povu fari korekton. Abonantoj el Rusujo kaj Bulgarujo skribu adreson per azbuko. — Al **niaj kolegoj el gazetaro esperantista**: Rimarku bone, ke titolo de nia gazeto estas nun sole »Č e s k ý E s p e r a n t i s t a« (boh. **č** = **ĉ** esp.) kaj ne »Bohema Esperantisto«, kiel presas ĝin e r a r e preskaŭ ĉiuj gazetoj esp. Jara abono = **3** fr. 50 kaj ne **1** fr. 50. Volu afable korekti.

# NOVAJ APEROJ EN LITERATURO

## ESPERANTA aparte kaj INTERNACILINGVA entute.

En ĉi rubriko ni nur **registrados** novajn verkojn. Recenziojn pri apartaj libroj estos donataj ankaŭ plu en „Bibliografio“. Ni povas raporti sole pri tiuj verkoj, kiujn ni **ricevis** (se eble en 2 ekz.).

Prof. **Otto Simon**: »Über den neuesten Versuch einer internationalen Verständigungssprache«, 22 pĝ., ricevebla ĉe aŭtoro en Ung. Hradisch (Moravio). — **J. Borel**: »Volständiges Lehrbuch der Esperanto-Sprache mit Uebungen, Syntax und Proben aus Poesie und Prosa, 127 pĝ., prezo 1·20 Mk, ricev.: Esperanto Verlag Möller & Borel, Berlin, Prinzenstr. 95 (Germ.) L e r n o l i b r o t r e b o n a. — **E. Deligny**: »Cours élémentaire d' Esperanto« (kun antaŭparolo de prof. Cart), 54 pĝ., prezo ?, ricevebla ĉe aŭtoro en Saint-Omer (Pas-de-Calais), 31, rue Gambetta, Francujo. — **A. Motteau**: »Esperanto-English dictionary«, 130 pĝ., prezo 2·06 ŝilingoj. Ricev.: »Review of Reviews« Office, London, W. C., Mowbray House, Norfolk street. — Dro **H. Thiroux**: »Raporto ĥidrologia kaj medicina pri la termala ŝlimbanejo de Saint-Amand-les-Eaux (Nord)« (trad. Dro P. Rodet), 8 pĝ., prezo — ? Ĝi estas aparta represo el »Archives de Thérapeutique, februaro 1904«. Ricev.: A. Maloine, Paris, 25-27, rue de l' école de Médicine. — Prof. Dro **W. Ostwald**: »Die Weltsprache«, 16 pĝ., 10 pfenigoj, 10 ekz. 80 pf., ricev.: Franckh'sche Verlagshandlung, Stuttgart (Germ.). — **Hugo Schuchardt**, membro de imperia akademio de sciencoj en Vieno: »Rapport sur le mouvement tendant a la création d' une langue auxiliaire internationale artificielle«, 7 pĝ., prezo — ? Ricev.: Librairie Marescq Ainé, A. Chevalier-Marescq & Cie, Paris, 20, rue Soufflot. Ĝi estas aparta represo el »Revue Internationale de l' Enseignement« (Nro de 15. III. 1904). — **Ludwig Zamponi**: »Zur Frage der Einführung einer internationalen Verkehrssprache«, 64 pĝ., prezo — ?, ricev.: Verlag »Leykam«, Graz (Aŭstrio). Bona por tiu, kiu deziras vidi, ĝis kien kondukas troa fanatikeco kaj kiel oni **ne devas** propagandi ideon pri lingvo internacia. Aŭtoro estas volapükisto.

## LIBERA PROPONO.

En via gazeto Nro 11. (1903) mi legis, ke »la esperantistoj dediĉis al infanaro nemulte da atento kaj tamen ĝi estas generacio, kiu transprenos nian aferon por daŭrigi ĝin post ni«. La saman mi jam skribis pri Volapük, kiam mi estis ankoraŭ volapükisto antaŭ 14 jaroj. Mi tiam penis trovi rimedon por altiri la infanaron. Infano nur ellernas ion, se tio faras al ĝi plezuron. Ni scias tamen, ke la artikoloj ordinaraj — ke la bona traduko de Hamleto ktp. ilin ne interesas. Tial oni donu al la infanaro ion, kio povas kaj kio devas ilin interesi. Oni klopodu varbi aron da esperantistoj-tradukantoj, kiuj kune volontege volus traduki verkon konatan kaj amatan de la infanaro.

Mi opinias, ke Robinson de Daniel de Foe, estus tre taŭga por la celo. La verko enhavas du partojn, la unua (kiu sufiĉas) havas 200 paĝojn. Dudek kunlaborantoj povus traduki ĝin en unu aŭ en du monatoj, kaj mi kredas, ke Dro Zamenhof volus korekti kaj aprobi la tradukitan libron, kiu devus esti eldonota tre malmultekoste.

s' Gravenhage (Holando). *H. J. Bulthuis.*

---